Jaro V/IX. N-o 8 (56) Majo 1928




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# EDUKADA SERIO

ENHAVO:

## GEPATROJ BABILAS KUN EDUKISTOJ



Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)

---

*Ĉio rilatanta la redakton de "S. R." edukada serio estu sendata al la fakestro: K-do M. Boubou, 96, rue Saint-Marceau, Orléans (Loiret) Francio.*

---

## REDAKCIA ANGULO

Certe konstatis niaj legantoj, ke, de la nova reorganizado de "S. R." laŭ fakaj serioj, la edukadaj kajeroj penis rilati al iu ĉeftemo aŭ interesocentro, ne laŭhazarde elektita, sed oportune, ĉu por nia memedukado interne de SAT, ĉu por faka apliko de esperanto en edukistaj rondoj.

Nia novembra kajero temis pri "sennaciismo kaj edukado"; ĝi signis la eklaboron de la SAT-edukista sekcio. Nia marta numero estis dediĉata al Internacio de l' Eduklaboristoj kaj al "Pedagogiaj Tagoj de Leipzig"; ĝi havis bonan sukceson en la prolet-edukistaj medioj, kaj ankoraŭ longan tempon ĝi konservos sian aktualecan dokumentan valoron.

Nian nunan kajeron ni dediĉas al la tuta SAT-anaro: "SAT-gepatroj babilas kun SAT-edukistoj pri edukado de SAT-anidoj." Kompreneble, ankaŭ fraŭlaj kaj seninfanaj SAT-anoj povas, devas partopreni la diskutadon, kiu nur komenciĝas per la nuna kajero. Eĉ SAT-anidoj ankaŭ partoprenu, ĉar la afero ĉefe koncernas ilin, kaj iliaj opinioj estus certe la plej valoraj.

Tiel ni aplikos la statuton de nia asocio, kiu rekomendas "klerigadi niajn membrojn tiamaniere, ke ili fariĝu la plej kapablaj kaj plej perfektaj el la t. n. internaciistoj". Tiel ni ankaŭ plenumos la deziron de l' Internacio de l' Eduklaboristoj, kiu rekomendas starigi daŭran kunlaboron kun ĉiuj proletaj organizoj ankaŭ pri edukaj problemoj.

SAT-anoj, celantaj aparteni al la plej klera parto el la Laboristaro, ne ignoru, kiel tro multaj gvidantoj, la valoron de edukado en emancipo de laboristoj. SAT-anoj, ne estu analfabetuloj en la ĉefprincipoj de proleta racia edukado.

Famulo diris: "Konfidu al mi infanaron de tuta generacio kaj mi transformos la mondon." Prave. Edukado estas la "fandujo en

(Daŭrigo sur la 3-a paĝo de la kovrilo.)

 

## GEPATROJ BABILAS KUN EDUKISTOJ

 

# KION BEZONAS SCII LA GEPATROJ DE NIA SENNACIECA POPOLO

SAT-ano 357, eksinstruisto.

Certe ĉiu, kiu sin dediĉis al klerigado, rimarkis tre gravan mankon ĉe la gepatroj, ĉar oni ne preparis ĉi-tiujn al rilatoj sociecaj pri infanoj, pri instruistoj, kaj sekve la rezulto ne povas esti alia.

La gepatroj devas interesiĝi multege pri la eduko kaj instruo, kiujn oni "donas" al iliaj plej amataj estaĵoj. Ili vizitu la instruiston almenaŭ dufoje ĉiu-monate, demandante al li pri la stato ĝenerala de l' infano(j), sin proponante samtempe al instruisto por kunlabori, akorde kun ĉi-tiu, kiu, se li scias sian devon, tuj atentos la proponon kaj rimarkigos al la vizitanto la ĉefpunktojn kunlaborajn pri la temo aludita, sed laŭ okazo.

Tial gepatroj kaj klerigistoj iru la saman vojon, kompletigante unu la alian, por krei ĉirkaŭ la infano konvenan medion, por ke ĉi-tiu malvolviĝu regule kaj ne kontraŭvoje. Se la infano konstatas plenan akordon inter gepatroj kaj instruanto, tuj oni fakte rimarkos, ke ĝi progresas sufiĉe, ĉar ĝi devas malantaŭen iri nek en la lernejo nek en la hejmo kaj tiel sumiĝas la du egalvaloraj medioj en kiuj ĝi malvolviĝas. La "spirito" infana tiel influata baldaŭ montriĝas tiel, kiel ĝi "povas" montriĝi, sed laŭ, ĉiam, la talento gepatra kaj instruista.

Tamen ĉio, kio malantaŭas, temas nur pri normala infano. Se la infano apartenas al fiziologi-psikaj nenormaluloj, oni devas duobligi la gepatran kaj instruistan atenton por la bona mensa kaj fizika evoluo de l' malfeliĉa infano, tiom kompatinda en ĉi-okazoj, ĉar ofte preskaŭ oni ne havas antaŭ si infanojn sed bestetojn homformajn, al kiuj multfoje estas neeble ekrilati dum multa tempo.

Mi parolos iom konkrete jam, ĉar per si mem evidentiĝas, pro ĝia simpleco, la atentigo nuna; sed ofte ĝi ne estas rimarkata de plejmulto da personoj, ĉar al ĉi-tiuj mankis memkompreno pri l' afero; ili ne povis "vidi" la seriozegan gravecon, kiun havas ĉi-tiu problemo.

P a s i v e c o tre multe abundas, sed kio estas pli bedaŭrinda, estas la m a l h e l p o, kiun multaj gepatroj, kompreneble senkonscie, metas antaŭ la instruista agado. Kaj tio ĉefe okazas inter kamparanaro, kiu sendas la infanojn al lernejo, ne por ke ili kapabliĝu, sed por ke ili ne malhelpu la gepatrojn, pro sia junaĝo ne laborkapablaj.

Por kontraŭstari tion, ni irigu la infanojn al lernejo, cele kapabliĝon.

Ni ne estu pasivaj, kaj malpli malhelpemaj rilate la instruistan laboron. Kontraŭ tio ni kunakorde agu kun la instruisto, kiel pli supre ni klarigis.

Pro ĝia supraĵa simpla aspekto, la problemon oni ofte ne atentis, sed necesas, ke ni esploru ĝiajn ĉefpunktojn.

La gepatroj montru al siaj infanoj, ke ili, infanoj, ĉiam devas esti atentemaj al la instruistoj, ke ili tre respektu ĉi-tiujn.

La gepatroj parolu — antaŭ la infano — nur favore pri ĝia instruisto, por fortigi la moralan aŭtoritatecon de l' edukisto rilate la infanon.

Tial antaŭ la infano neniam malaprobu ĝian instruiston, ĉar tio-ĉi tre influus por la maldisciplino klasa aŭ lerneja (la lernanto gvidiĝas tre multe laŭ la vortoj de la gepatroj kaj de l' instruisto), kaj tial anstataŭ lerni pli kaj pli, la infano mallernas pli kaj pli. Li ja perdis sian fidon al instruanto, ne aŭskultas lin atente, kaj influas la kamaradetojn, kiujn ĝi havas apud si, por ke ili ankaŭ ne lernu. Kaj la instruisto estas devigata iafoje frapeti aŭ puni la "ribelemulon". Tiamaniere la rilatoj inter gepatroj, instruisto kaj infano, anstataŭ fariĝi ĉiam pli unuecaj, montras absolutan kontraŭecon nur pro la kulpo de la gepatroj, kiuj esprimis ne prudente vortigitajn opiniojn antaŭ sia infano. Ni do estu atentemaj pri niaj diroj, kiuj ofte naskas multajn kaŭzojn kaj faktojn, pri kies deveno ni tute ne konscias.

La infano klarigas ion al siaj gepatroj kontraŭ la instruisto, blinde ili ne devas agi. Neniam gepatroj respondu al via filo: "Ni do riproĉos kaj punos la instruiston" ktp. sed kontraŭe ili devas renaski en la ideto la fidon al instruisto.

Se la filo estas jam iom aĝa, la gepatroj komprenigu al li la gravan mision, kiun plenumas la instruisto, kiu lin edukas kaj instruas, por ke li morgaŭ estu taŭga homo al ĉiuj kaj al si, ĉar en persono kiu nenion lernis, kiu nur okupiĝis en manĝado, dormado, distrado, eĉ laborado, oni povas vidi ne veran personon, kun karakteraj intelektaj trajtoj, sed nur iam kvazaŭbesteton. Tamen gepatroj penos ekscii tute certe pri la vereco de la vortoj eldiritaj de la infano kontraŭ la instruisto, se ili estas gravaj, ĉu demandante ruze la ceterajn lernantojn, ĉu laŭokaze, demandante senpere al instruisto, ĉu observante ĉion necesan. Oni serĉu ĉiam diversajn jesantojn aŭ neantojn por havi pli ĝustan opinion pri la afero. Neniam la infano akuzanta la instruiston, sciu, ke oni intencas aŭ serĉas la veron pri ĝiaj deklaroj; sed ankaŭ devas diri la gepatroj al neniu, ke la infano tion vortigis al ili.

Se oni observas, ke la infano trompas, oni devas montri al ĝi oportune, kiom maldelikatege estas mensogi kaj trompi (ne dirante al ĝi, ke iam ĝi mensogis). La gepatroj komunikos al instruisto, ke ili rimarkis certan inklinon al mensogado en sia filo. Tial instruisto en okaza oportuna klarigo montru lerte la malnoblecon kaj naŭzecon pri ĉikanado kaj trompado. Li devas montri la malbonojn, kiujn okazigas la mensogoj, citante famajn kaj malgajigajn okazojn pri mensogado. El mensogetoj la evoluo devenigis mensogegojn, kiuj kaŭzis grandajn malbonojn. Tiun, kiu mensogas, neniu kredas, do neniu fidas je li, kaj tiel li restas en tragedia kaj ridinda sinteno; li perdas en la negocoj, neniu kreditas je li, ĉiu malamas lin, kio definitive malhelpas serioze lian vivrimedon: ke ĉiuj reciproke ni devas estimi nin . . .

Se post la esploro la gepatroj opinias, ke la infano verdiris kaj la okazo estas serioza, tiam, se eblas, ili serĉos alian lernejon; se male ne ekzistus alia, tiam avertu la instruiston persone pri la afero, por ke ĉi tio ne okazu denove.

Tamen la gepatroj ne klarigu al infano, ke ili preferas alian lernejon, ĉar ĝi deklaris tiun aŭ alian aferon, sed pro aliaj motivoj. Neniam komprenu la

# SAT-GEPATROJ NE ERARU . . .

D-ro LIBER

*Tiun artikolon, al kiu ni donis laŭokazan titolon, ni elĉerpis el interesa verko ĵus aperinta en Usono — "La infano kaj ni".*

Ofte eraras la avangardaj gepatroj, instruante al sia infano frazojn malplenajn kaj nekompreneblajn por ĝi pri kapitalismo kaj Proletaro, aŭ postulante, ke ĝi lernu parkere, recitu kaj deklamu revoluciajn poemojn ktp., per tiu rimedo esperante konverti ĝin mem al revolucio.

Kvankam ne ekzistas limoj por la aferoj, faktoj, okazaĵoj, kiujn infano povas lerni kun intereso post bona klarigado, tamen estas stultaĵo, cetere tute senutila, plenplenigi ĝian spiriton per vortoj nuraj, eĉ tre sonoraj. Ĝi ne konservos tiajn nedigesteblajn nutraĵojn, kiajn ĝi ne povas asimili en tiu formo.

Sed ni devus defendi nin kontraŭ ĉi eraro ĉefe tial, ke estas malprave voli el infano fari revoluciulon tutsame kiel estus malprave voli el ĝi fari reakciulon (1). Nia nura devo estas helpi ĝin mem disvolviĝi. Se niaj sociaj ideoj estas justaj, vi povas prave esperi, ke racie edukita infano aliĝos ilin. Sed ni neniam estu nepre certaj, ke ni estas pravaj. Ni aldonu iomon da skeptikismo eĉ al la ideoj, pri kiuj ni estas entuziasmaj.

Kiel unu el la konfliktoj inter infanoj kaj gepatroj, mi citu tiun, kiu povas okazi se viaj infanoj tre progresas kaj fariĝinte pli avangardaj ol vi, lasas vin malproksime malantaŭ ili. Tiu fenomeno estas tiel malnova, kiel homaro. Mi tre bone imagas la prahomon, okaze de l' eltrovo de la fajro — la plej granda konkiraĵo de la homa raso — batmortiginta, memkompreneble, la fajr-eltrovinton mem, kaj poste furioziĝanta kontraŭ siaj infanoj, kiuj adoptis la novan manion per kiu ili certe forbruligus tutmondon! Samaj estas la malkonsentoj inter gepatroj kaj infanoj pri la rajto de ĉi lastaj elekti sian infano, ke oni serĉus alian lernejon pro la motivo, kiun ĝi denuncis; tion mi diras, ĉar iafoje la infanoj, pro ridindaĵo, pro kaprico, postulus, ke iliaj gepatroj serĉu alian lernejon.

Kaj eble ĉiu scias, ke ju pli da lernejoj aŭ instruistoj oni ŝanĝas, des pli malbonefika estas la edukado kaj instruado por infana.

Ni devas rimarki ke la infanoj estas tre observemaj, kaj severaj, iafoje tiom penetreme, ke ili mirigas la edukistojn kaj gepatrojn.

La infanoj ĝeneraligas tre rapide ĉiun aĵon, penson ktp. Se oni diras al ili, ke tiu aŭ alia instruisto estas malbona aŭ malbonega tuj ili pensas, ke ĉiuj estas tiaspecaj. Iel simile okazas al plenaĝuloj pri iuj ideoj, kiuj kredas, ke for el mondo morala, en kiu ili sin malvolvas, ne povas ekzisti menssanaj personoj.

Se ion ordonas la instruisto al infano, la gepatroj devas montri fortan inklinon favoran al instruisto, por ke la infano plenumi laŭlitere ĉion, kion la edukisto kredas necesa.

Aliaj Kamaradoj-kolegoj, mi esperas, legigos al ni pliajn artikolojn pri la sama temo, por kompletigi ĝin laŭeble.

kunvivanton (aŭ -inon), ŝanĝi iujn tradiciajn kutimojn, kuniĝi al apostolo de nova kaj stranga religia sekto aŭ aliĝi al la lasta astronomia teorio kontraŭanta Biblion. Tiuj malkonsentoj estas naturaj (kompreneblaj), kiam tro reakciaj kaj kontraŭemaj gepatroj malhavas mensajn vastecon kaj perspektivon. Neniam ili elmontriĝos kiel toleremaj kaj cedemaj gepatroj, kiuj eĉ nevarbite (nekonvinkite) permesas, ke la infanoj vidu la aferojn de sia propra vidpunkto kaj konsekvence kondutu.

Sed tie ĉi, en Usono, ĉe niaj elmigrintoj, ni vidas interesan ekzemplon pri la kontraŭa flanko: multe da gepatroj estas progresemaj, kelkfoje eĉ avangardaj dum iliaj infanoj estas konservativaj. Tiu fenomeno klariĝas per jena fakto, ke la gepatroj aliĝis siajn ideojn en Eŭropo — aŭ en Usono dank' al siaj samlandanoj — dum iliaj infanoj estis tute allasataj al la lernejo ilin usonanigonta, t. e. al ofte reakcia influo. Ili ricevis partieman edukadon sen kontraŭpezo. La gepatroj — nesciante pri la kondiĉoj de tiu lando, kiun oni proklamas moderna respubliko, oftofte aŭdinte pri vorto libereco tiel ofte prononcita pri Usono kaj leginte, ke en pasinteco ni faris admirindan militon por konkiri sendependecon — plenfidis en usonaj lernejoj. Rezulto estis, en plej multaj okazoj, ke iliaj infanoj kreskis kun multe da antaŭjuĝoj, kun deziro konservi netuŝebla (sendifekta) ĉion antikvan kaj respektegatan kaj ĝismorte batali kontraŭ ĉiuj novaj ideoj, ĉio celanta transformon de la sociaj kondiĉoj.

Tiaj gepatroj ne estas tute neriproĉindaj. Tro okupataj pri propagando meze de laboreja Kamaradaro, ili forgesis kaj malzorgis sian propran familion, siajn edzinon kaj infanojn. Kelkaj el plej bonaj avangardaj gvidantoj, pro sia fervoro konkiri novan mondon, eĉ perdis siajn proprajn infanojn, kiujn ili rigardis kvazaŭ fremdulojn, malofte parolante al ili, malofte ludante kun ili. Kaj nun ili rikoltas, kion ili semis. Ili merite gajnis la malestimon de siaj idoj, kiuj ruĝiĝas pro siaj gepatroj, nur fremduloj kaj revoluciuloj.

Alia kaŭzo de tiu aparta kontrasto inter gepatroj kaj infanoj estas eble la eraro de iuj gepatroj, kiuj ne vivas konforme je siaj principoj; ili ne sciis, ke nenio logas kaj persvadas pli ol agado vivanta, dum nuraj paroloj estas vanaj.

Tia kontrasto povas konduki al malĝojaj tragedioj; sed de kiam estas abismo inter gepatroj kaj infanoj, ne plu estas helpa rimedo. Tio estas natura fenomeno, kiel nuboj kaj pluvo.

(1) **SAT-edukisto komentarias:** Pro tiu deklaro, eble multaj SAT-anoj malkonsente saltleviĝos. Ĉu ili estas malpravaj, ĉar ili volas el siaj infanoj fari revoluciulojn? Vero estas, ke la SAT-anidoj mem faros sin avangarduloj kaj ke SAT-anoj povas nur deziregi tion.

Ĉu infano povas jam esti revoluciulo? Kelkfoje, ne ĉiam. La afero dependas de la vivkondiĉoj kaj de l' edukado, ĉu per si mem (infanspertiĝo), ĉu per gepatroj aŭ edukistoj (trafa sugesto). Jam estas revoluciulo la infano, se la gepatra mizero vekis ĝian ribelemon kontraŭ maljusta socio aŭ se iu atentigas ĝian meditemon pri simplaj faktoj de klasbatalo tuŝantaj ĝin. Mi estis proksimume dekjara, kiam mi dolore konsciis pri l' abomeno de la socia maljusteco kaj sentis la unuajn mordojn de riĉa klaso en karno laborulara. Je dek-kvarjaraĝo mi plenkomprenis kaj jam en mia infanmedio aplikis la propagandan kaj eĉ batalan teknikon de ateismo kaj antimilitarismo. Multaj K-doj povas ankaŭ memori simile pri sia junaĝo.

Sed gepatroj kaj edukistoj atentu du jenajn veraĵojn: 1. — se la infan-

# TRI SAT-ANOJ MEMORAS . . .
## AŬ LA PROBLEMO PRI KORPOPUNOJ

MARCEL BOUBOU

Lastan jaron, post nia Lyon'a kongreso, biciklinte tri-kvar mil kilometrojn, tri SAT-anoj atingis nian hejmon . . . Mi konfesas, ke kutime mi tre malŝatas interparoli pri pedagogio eksterlerneje. Kelkaj profesioj postulas laboron tiel unuflankecan, ke sen pendafiŝo la vizaĝo malkovras la profesion. Burĝa lernejo modelis pedagogajn kapojn facile rekoneblajn sur la strato. Tia distingilo, stampo de burĝa lernejo, al mi ne plaĉas. Sed kion fari, se alisektoraj SAT-anoj survojigas la konversacion al amuza pedagogio de la junaĝaj memoraĵoj pri lernejo?

SAT-ano 5800 do havas nun la parolon. SAT-edukistoj, ni atente aŭskultu lin; tiel ni pli forte konscios, kiel malfavore kaj daŭre impresas korpaj punoj. SAT-anoj, ankaŭ aŭskultu por sciigi viajn infanojn pri praktika rimedo forigi la bastonojn de la fi-edukistoj.

"Kiam mi estis en lernejo, diras 5800, mi havis treege malican instruistinon. Ŝi uzis por frapi nin longajn salikovergojn, kiujn ni devis alporti al ŝi. Kompreneble ni faris al ŝi multajn petolaĵojn. Dum la paŭzoj, ni iris kaŝe la lernoĉambron kaj frotadis la timigan vergon per bulbo tiel, ke ĉe la unua ekfrapo, ĉiam la vergo rompiĝis . . ."

* * *

Kaj jen rememoras alia SAT-ano ankoraŭ lernanto, K-do 8560, pri la brutaĵoj (kruelaĵoj) de iuj instruistoj en la koloniaj lernejoj el Nord-Afriko: "Mi memoras, kiam mi ankoraŭ juna knabo estis en la "Granda Lernejo",

---

cerbo estas plenŝtopita per vortoj, kiujn infano povas papage ripeti kaj freneze krii, nekonsciante, nesentante, nevivante ilian signifon, povos okazi, ke poste disvolviĝanta cerbo kontraŭos la tute suprajan vortecon kaj alprenos firme tute malajn opiniojn. 2. — se la infano estas metata antaŭ ĉiutagaj situacioj de klasbatalo en la hejmo, sur la strato, lerte klarigataj de la gepatroj, se aliflanke la infano sentas la sinceregan ribelemon de la gepatroj suferantaj en klasbatalo, estu certaj, ke la gepatra idealo profundiĝos en koro kaj spirito de l' infano samtempe kun la amo al gepatroj, eĉ se la infano ne estas ankoraŭ tuŝata de la vorta aŭ gesta formo de sia ribelemo.

Resume: la celo de proleteca edukado estas per t a ŭ g a j rimedoj atingi, ke la infano rapide konsciu, sentu, vivu la abomenaĵon de la duklasa socio kaj elkomprenu, ke ĝi apartenas al ekspluatata klaso. Ĝi tiel rapide akiros la gepatran socian sperton kaj penos en sia grandaĝo efektivigi la dezirojn kaj revojn de l' antaŭa proletara generacio.

La verko de D-ro Liber ne estas proleta verko; sed kvankam nova, ĝi jam estis forte kritikita de burĝaj pedagogoj, kiuj riproĉas multajn "troigaĵojn". Tial en ĝi ni proletoj trovas ion bonan pri la grava temo de hejma edukado. Aliaj SAT-Kamaradoj eldiru ankaŭ sian opinion kaj ne timu prezenti konkretajn faktojn pri edukado de siaj infanoj. SAT-ano 518.

mia instruisto havis longan batbastonon (proksimume 3 metrojn longan). La tutan tagon, li sidadis ĉe sia skribotablo. Kiam knabeto moviĝis aŭ ekbabilis, la instruisto de sia seĝo donis baton (kelkfoje fortan) sur la kapon de la "malkvieta" infano. Ĉu tio estas homeca aŭ besteca ago? Kiu lernanto sep- aŭ ok-jara povas resti kvieta dum tuta tago? Kiel malice kaj danĝere estas frapi sur malfortan kapon!..."

Memoras nia juna K-do — li estos instruisto nur post tri-kvar jaroj —, ankaŭ ke "en Tunizio, kiam ni eraris pri kalkulo, la instruistino per liniilo batis nin sur la ekstremaĵon de la fingroj" kaj ke "en Alĝerio foje bruteca instruisto donis al mi piedfrapon malantaŭ la genuo (liaj ŝuoj havis dikajn najlojn)...". Protestante kontraŭ la kruelaĵojn al lernantoj, kiuj okazis en sia lernejo, SAT-ano 8560 esprimas, kiel lernanto, fortan indignon: "Estas honto por kapitalista lando, kiu pretendas sin lando de justo, vero kaj civilizo, uzi tiajn metodojn. Anstataŭ skribi sur la muroj en la lernĉambroj: Ĉiuj homoj estas fratoj — Amu unu la alian — Libereco, egaleco, frateco — preferinde estus, ke niaj brutecaj instruistoj ŝanĝu sian karakteron!"

* * *

Kaj ankaŭ mi memoras, ke kiam, antaŭ tridek jaroj, mi estis juna lernanto, mia instruisto kutimis frapi sidvangojn, se lernantoj estis maldisciplinaj aŭ malsukcesis ian lernejan taskon. Kelkfoje eĉ li mallevis la pantalonon por frapi sur haŭton mem, kredeble por plihontigi la lernantojn aŭ... ĉar kelkaj inteligentaj knabetoj ofte sin kirasis interne per dikaj tavoloj el kartono. Infanoj estas kruelaj por la malfeliĉuloj. Kia ĝojo estis en la klaso, kiam la instruisto pli malpli kolere eligis el la pantalono popece la kartonon! Mi ankaŭ spertis, kiel lernanto, la longan batostangon de malfeliĉa instruisto devigata instrui eklegon al pli ol c e n t knabetoj... Kaj mi mem fariĝis instruisto.

* * *

En preskaŭ ĉiuj landoj, estas absolute malpermesite korpe puni (bati) la infanojn en lernejo. Tia estas la regularo, sed la realeco estas kompreneble alia. Kvankam oficiale forigitaj, korpopunoj daŭras, ĉar estas tute neeble postuli de la geinstruistoj, ke ili apliku tian decidon neaplikeblan pro du ĉefaj motivoj: 1 — la tromulteco de lernantoj en unu klaso, 2 — la nunaj instrumetodoj postulantaj tutan pasivecon kaj silenton de la infanoj.

Tiaj "kazerno-klasoj" ankoraŭ ekzistas nun, multaj klasoj havas 50, 60, eĉ pli da infanoj kaj la plej bela teorio kaj vera Pestalozzi-eca amo al infanaro ne donos al la instruisto la paciencon kaj nervar-solidecon necesajn por eviti korpopunojn. Aliflanke, almenaŭ en la nesovetaj landoj, malgraŭ certa emo demokratigi la instrumetodojn, ekzistas ĉiam fosaĵo inter la instruisto kaj la lernanto. Lernejo estas spegulaĵo de la ĉirkaŭa socio: devige aŭtoritatemo regas en ĝi. La instruistoj estas kaptataj en reto de programoj, aranĝoj, kutimoj, ordonoj. Regu la ordo en lernejo, kiel ĝi regu en socio — opinias niaj ĉefoj.

Tamen estonta lernejo estos neaŭtoritatema. En ĝi oni multe bruos, la lignostangojn oni uzos por manlabori, ne por punfrapi. Kiam la lernantoj ne plu estos devigataj sidi s e s horojn potage, preskaŭ senmove, inter katenaj dorsobenkoj kaj skribotabloj, kiam la tutan tagon ili moviĝos kaj laboros, kiam la instruisto ne plu bezonos egan silenton de la infanoj — tiam la instruisto ne plu estos ĝendarmo.

Nuntempe, ĝenerale tre malofte la instruistoj korpe punas per ekz. vangofrapoj aŭ stangobatoj, kompare kun la estinta generacio. Kaŭzoj de tio estas pli forta konscio, ke estas leĝe, morale kaj pedagogie malpermesitaj ĉiaj korpobatoj. Ofte okazas, ke instruisto tre morale suferas post kiam li frapetis infanon pro nerva laceco. Tia instruisto ne povas esti konsiderata, kiel bruteca — ĉar ankaŭ ofte la samaj edukistoj ame tenas en siaj brakoj etulojn, kiuj neniam ricevas karesojn hejme.

La demando pri korpopunoj estas ampleksa, tute socia demando. Ĉu la instruisto ne havu la samajn rajtojn en la edukrimedoj, aŭ pliĝuste, ĉu la gepatroj rajtas pli ol la geinstruistoj korpe puni la infanojn? Kiam en hejmo, infano estas batata, ĝi obeas nur per kaj post batoj en la lernejo kaj la instruista tasko malfaciliĝas. Ĉu filon batanta patro rajtas riproĉi al lernanton batanta instruisto? For la batoj!

Oni povas argumenti, ke ĉefe en urboj infanoj estas tre nervaj kaj petolemaj kaj instruistoj lacegaj instruante en plenplenaj klasĉambroj, kaj ke senkolera vangofrapeto, pli efikas (ĉar tuj donita) ol severa puno per restigo en klasejo post la lernlaboro (tiu puno ankaŭ punas la instruiston, kiu estas devigata ankaŭ resti). Surpriza nedoloriga korpopuneto ankaŭ ŝparas voĉon de la instruisto kaj la lernanto tute ne sentas pro ĝi antipation ian kontraŭ instruisto. Sed ĉu estas eble moderigi batojn kaj kalkuli la dolorivon de la lernantoj?

Mi antaŭnelonge aŭdis paroladon de direktoro de privata (neklerikala) novlernejo "Ecole des Roches" (Lernejo de la Rokaĵoj) en kiu li klarigis, ke tiaj korpopunetoj nekolere kaj pripensinte donitaj restas efika helpo, kiam prudento kaj koro de infanoj ne povis esti trafitaj. Tiu franca konata pedagogo uzas jenan rimedon: li avertas la infanon, ke li korpe punos nur, se post trifoja averto — ekz. kalkulante malrapide ĝis 3 — la infano rifuzas obei saĝan ordonon. Plejofte infano obeas.

Infanoj scias tre bone, ke la instruistoj ne rajtas ilin frapi, kaj iuj kelkfoje diras tion malkaŝe eĉ senmotive al la instruisto. Tiuj infanoj plej ofte estas nature malobeemaj aŭ en familio trodorlotitaj; kulpas ankaŭ la gepatroj, kiuj sugestis tiun replikon (rebaton) anstataŭ helpi la instruiston interkonsentante pri la eduko de la infano.

Plena forigo estas unu el la programpunktoj de la organizitaj infanoj en komunistaj rondoj, kiuj ekzistas en kelkaj urboj. Saĝe gvidata, tiu movado kontraŭ efektiva forigo de korpopunoj estus bonega kaj efika. Certe malgraŭ la leĝo kelkaj instruistoj estas ankoraŭ brutecaj (malmildaj), vere brutecaj, sed la movado kontraŭ la korpopunoj devas esti partoprenata ankaŭ de la instruistoj mem por ke ĝi ne montru ian troigemon infanan kaj laman unuflankecon. Oni luktu kontraŭ la korpopunoj en hejmo kiel en lernejo, kontraŭ instruistoj kiel kontraŭ gepatroj, tion ankoraŭ ne sugestis al infanoj proletaj, seriozaj fakaj gvidantoj en Francio. Tion ankaŭ komprenu avangardaj gepatroj, kiuj konsciu pri profesiaj malhelpaĵoj en edukado kiel en iu ajn metifako.

La plena severega forigo de korpopunoj ne estas nure instruista afero; ĝi estas pedagogia kaj socia afero. Tri ĉefaj postuloj de la instruistoj povas ilin helpi: unue, labora novlernejo enkondukanta novajn metodojn sen disciplino-prizorgo kaj aŭtonomion, liberecon kaj korpan agadon de la infanoj — due, malmulteco de lernantoj en unu klaso (20—25 maksimume) — trie, organizo de rilatoj inter gepatroj kaj geinstruistoj per seriozaj gepatraj lernejo-konsilantaroj.

# La gepatraj konsilantoj en Saksio

SCHNELLER, Leipzig

Laŭ la saksa popollerneja leĝo, por starigi kaj konservi interkonsenton inter lernejo kaj gepatraro, povas formiĝi ĉe la lernejoj gepatraraj konsilantaroj.

La gepatrara konsilantaro devas rigardi sian t a s k o n, en kunligiteco kun la geinstruistaro, energie sukcesigi la lernejan laboron sur la kampoj de la porinfana zorgado, de la kulturado, klerigo kaj edukado de la junularo, veki kaj igi ĉiam vigla interne de la komunumoj la senton de la respondeco por la kulturo de la lernejo kaj ĝiaj aranĝoj, fine propagandi tion, ke la lernejo ricevas la monsubtenojn bezonajn por la plenumo de siaj taskoj, antaŭ ĉio por realigi la ideon de la laborlernejo.

Ĝi ne rajtas miksi sin en la aferaron de la loka lerneja aŭtoritato, de la geinstruistaro kaj de la individua instruisto.

Al la gepatrara konsilantaro apartenas minimume 3 membroj kaj maksimume 15 laŭ detala ordono de la loka porlerneja regularo. La e l e k t o okazas post la komenciĝo de ĉiu nova lernjaro dum la tempo inter Pasko kaj Pentekosto, se la gepatraro de la lernejo decidas la starigon de konsilantaro kaj faras porelektajn proponojn.

Elektorajtaj kaj elekteblaj estas ambaŭ gepatroj de la infanoj vizitantaj la lernejon aŭ la gepatroanstataŭantoj. Ĉiu elektrajtanto havas nur unu voĉon, ankaŭ se pluraj infanoj vizitas la lernejon. La membroj de la gepatrokonsilantaro estas elektataj per sekreta decido por unu lernjaro. La detalaĵoj de la elekto estas fiksitaj en la jam menciita loka porlerneja regularo. En Leipzig, oni elektas la gepatrajn konsilantarojn iun dimanĉon antaŭ Pentekosto; elektejo estas iu ĉambro de la koncerna lernejo; la urba administracio produktas la pro la elekto bezonajn legitimilojn kaj oficialajn balotilojn. Oni elektas ne la individuajn membrojn, sed la liston de ilia partio.

Plej malfrue du semajnojn post la elekto, la lernejestro kunvokas la elektitojn al k u n v e n o, en kiu interne de la gepatra konsilantaro estas elektataj prezidanto aŭ, se laŭcele, laborkomitato.

La prezidanto kunvokas la membrojn al kunvenoj tiom ofte, kiom li rigardas tion necesa. Ĝenerale la geinstruistaro devas esti invitata al ĉiu kunsido. Se esceptokaze la konsilantaro kunvenas sola, ĝi devas sciigi la faritajn decidojn al la geinstruistaro. La lernejestro laŭ koncerna decido de la geinstruistaro devas inviti pere de la prezidanto la gepatran konsilantaron al kunveno. Se iu punkto tagorda temas pri porsaneca lernejozorgo, la lerneja kuracisto devas esti invitata. Al la interkonsiliĝo pri diversaj aferoj povas esti allasataj ankaŭ aliaj kompetentuloj. Sed voĉdonrajtas nur la membroj de la konsilantaro, ankaŭ ĉe la kunvenoj iniciatitaj de la geinstruistaro.

Laŭ propono de la konsilantaro la prezidanto kunvokas pere de la geinstruistara sciigo la gepatraron al g e p a t r a r a k u n v e n o, kiun partoprenas ankaŭ la geinstruistaro.

En la plejmultaj komunumoj saksaj interne de la gepatra konsilantaro ekzistas du p a r t i o j, formitaj de la opinio pri la religiinstruo popollerneja; la nomoj estas eklezipartio kaj laika (senkonfesia) partio. La porelekta provizejo de la unua partio estas la tiel nomataj ĉie ekzistantaj porkristanecaj gepatraj asocioj sub la spirita influo de evangeliaj pastroj. Tiuj asocioj propagandas la eklezilernejon ("evangeliaj lernejoj kun evangeliaj geinstruistoj por evangeliaj infanoj"), kaj ilia idealo pedagogia estas la t. n. "lernlernejo", malamata de la progresema geinstruistaro, la malo de la

laborlernejo; politikaj subtenantoj estas la dekstraj partioj de la diversaj parlamentoj (en komunumo, federaciŝtato kaj regno). La anoj de la tiel nomata laika partio estas preskaŭ ĉiam membroj de la socialista kaj komunista politikaj partioj, kiuj ankaŭ preparas kaj prenas sur sin la porelektan propagandlaboron. Ilia pedagogia idealo estas la laborlernejo sen religiinstruo.

En Leipzig en 1927 estas elektitaj entute 337 anoj de la eklezipartio kaj 353 anoj de la laikaj partioj (305 socialistoj, 48 komunistoj) interne de la gepatraj konsilantaroj. En Saksio la nombro de la "ekleziuloj" proporcias al la nombro de la "laikuloj" kiel 3 al 2. (La gepatra konsilantaro de mia lernejo konsistas el 7 reprezentantoj de la kristaneca gepatra asocio, 5 de la socialista kaj 3 de la komunista partioj.)

La kunvenoj de la konsilantaro okazas en la porinstruista ĉambro de la lernejo ĝenerale ĉiumonate. T a g o r d a j p u n k t o j dum la lastaj jaroj en mia lernejo estis:

Aranĝo de gepatrarkunvenoj — lerneja matenmanĝo — purigado de la lernejaj ĉambroj — monsubtenoj ĉe ekskursoj lernejaj — industria kaj metieja infanlaboro — klasoj por talentuloj — administracia inspektado de la lernejaj konstruaĵoj — lernejohigienaĵoj — abono de pedagogiaj fakgazetoj kaj porgepatraj gazetoj — lerneja manĝejo — lernejaj solenoj — lerneja banejo — lerneja disciplino — lerneja kartoteko — lernejaj atestoj — senkostaj lerniloj.

Unue ofte, nuntempe kelkfoje, estas pritraktitaj ankaŭ plendoj de la gepatroj kontraŭ instruistoj. En la unua vivtempo de la gepatrokonsilantaroj preskaŭ ĉiu kunveno havis por pritrakti iun plendon, ĉar la plendintoj tiam sin turnis ne al la koncerna instruisto aŭ al la lernejestro, sed senpere al la gepatra konsilantaro. Tio nuntempe ne plu okazas, ĉar la gepatra konsilantaro — almenaŭ en mia lernejo kaj certe ankaŭ en multe da aliaj lernejoj — pritraktas nur plendojn, kiuj ne kontentige por iu de ambaŭ partioj povis esti pritraktita interne de la lernejo mem. Tial nur maloftege ni nun pritraktas en niaj kunvenoj iajn plendojn kontraŭ geinstruistaro.

Krom la kunvenoj de la konsilantaro okazas la g e p a t r a r k u n v e n o j (en la gimnastikejo aŭ lerneja ĉambrego), dum kiuj unue iu instruisto priparolas pedagogian temon kaj poste la gepatraro diskutas la prezentatajn problemojn. Temoj de la lastaj kunvenoj en mia lernejo estis:

Regna popollerneja leĝo — sanstato de la infanaro — infektmalsanoj — lerneja migrado — lerneja disciplino — infano kaj arto — migrado tra Sudfrancio kaj Hispanio — lernejo kaj gepatraro — junularo kaj alkoholo — seksa eduko. La plejmultnombre vizitataj kunvenoj estas ĉiam la kunvenoj akompanataj de infana prezentado (kantado, gimnastikado, teatraĵo) ofte aranĝataj ankaŭ nur kiel amuzaj kunvenoj pro aparta celo: aĉeto de piano aŭ alia multekosta aparato porinstrua. (Mia lernejo estas aĉetanta filmaparaton helpe de akiritaj monrimedoj per amuzaj gepatrarkunvenoj.) La ordinaraj gepatrarkunvenoj nuntempe ofte ne estas tiom multnombre vizitataj, kiom estas la amuzaj kunvenoj, kaj la vizitantoj oftege estas la anoj de la "reganta" partio en la gepatra konsilantaro. Sed en la unua jaro de la nova lernejoleĝo (1919—1921) la vizitintaro ankaŭ de la laborkunvenoj estis tiom multnombra, ke ofte estis bezonata, kiel kunvenejo, ĉambrego de iu privata amuzejo.

Al la gepatra konsilantaro laŭleĝe povas esti havigata o k a z o s c i i ĝ i p r i l a l e r n e j a i n s t r u o. Tiu ordono ne celas doni al la gepatra konsilantaro iun rajton al lerneja inspektado. Jam estas menciita, ke la gepatra konsilantaro ne rajtas fari ordonojn pri instruista oficado. La geinstruistara kunveno ankaŭ rajtas decidi, ĉu kaj kiamaniere la gepatroj povas sciiĝi pri la lerneja laboro dum la lecionoj. En la plejmultaj komun-

# AL ATEISMA EDUKADO

KURT HUBRICHT, SAT-ano 3550
Estrarano de Leipzig'a Liberpensa Grupo

Ĉiuj religioj predikas, ke la homa sorto estas sendita de dio, kaj promesas al la mizeruloj pli bonan vivon en alia mondo. La socialismo rezignas je la laŭdiraj ĉielaj ĝojoj; ĝi celas, ke ĉiu homo estu feliĉa surtere. Do, la socialista ideo estas ateista. Religia socialismo, religia komunismo, religia anarkismo estas mistikaĵoj kaj ne estas diskuteblaj por klaskonscia laboristo. Vera socialisto estas ankaŭ ateisto kaj edukas ankaŭ siajn infanojn ateiste.

Kiu havas la junularon, tiu havas la estontecon! Tion tre bone ekkonis la katolika eklezio. En la katolika literaturo estas proponata, ekzemple en la verko "Pastoralmedicin" de Chapellmann, bapti jam la embrion — la infaneto ja povus naskiĝi morte — por ke ne perdu la katolika eklezio animon. Tio estas frenezeco!

Do la agmaniero de niaj kontraŭuloj devigas nin eduki niajn infanojn jam de naskiĝo en nia pensmaniero do ankaŭ ateiste.

Ne baptu vian infanon. Anstataŭigu bapton per malgranda familia soleno dum kiu la ĉeestantaj parencoj ne manĝegu kaj trinkegu kiel ĉe baptaj festoj, sed iu el la ĉeestantaj parolu pri la juna proletido, ke ĝi fariĝu kunbatalanto, esprimu bondezirojn al la gepatroj ktp. Ne donu al via infaneto antaŭnomon, kiu rilatas al ia religio. En Sovetio oni nomas hodiaŭ la infanojn BARIKADO, KOMINTERN, PROLETARO, BEBELINA, RADIO, SPARTAKUS, VOLTER ktp. Certe interesos la legantojn sciiĝi, ke la pioniro de Leipziga esperantomovado laborista, K-do Vogt nomis sian knabinon "INO".

Ne minacu al malobeema infaneto per dio, fantomoj, koboldoj aŭ aliaj neekzistantaj estaĵoj. Queen Silver, konata juna ateistino en Kalifornio, kiu jam en aĝo de 8 jaroj faris malgrandajn ateistajn paroladojn kaj 14-jare eldonis ateistan ĵurnalon "Queen Silvers Magazine", skribas en artikolo "Rajtoj de Infanoj": "La plej granda el ĉiuj timoj en infana menso kutime estas timo antaŭ iu dio. Ĉu la patrino estas kristana, mahometana, hinda aŭ zulua el Afriko, ŝi certe instruas al sia infano, ke ekzistas timiga dio. Ŝi ankaŭ instruas al sia infano, ke dio donos premiojn al ĝi, ke unue bonaj donacoj aŭ oferoj estas donataj al tiu dio; ĉu sovaĝaj, ĉu civilizitaj kristanaj patrinoj, ili agas same, instruante al siaj etuloj timi koleran dion kaj aĉeti la bonecon de subaĉetebla dio. Neniu patrino iam vidis dion pri kiu ŝi tiom rakontas al sia infano, nek renkontis iun, kiu ĝin vidis... Neniu infano iam timis dion, aŭ sentis, ke ekzistas la speco de dia estaĵo ĝis kiam oni rakontis al ĝi tiujn religiajn fe-rakontojn. Mi pensas, ke mi estis ĉirkaŭ kvarjara, kiam iu sinjoro diris al

---

umoj la afero estas tiamaniere aranĝata, ke ĉiu ĉefinstruisto invitas la gepatrojn de sia klaso al ĉeesto ĉe la lecionoj de la klaso dum unu aŭ du tagoj. La gepatroj dum la unuaj lernjaroj tre interesiĝas pri la klaslaboro de siaj gefiloj, sed dum la malplifruaj lernjaroj la instruisto povas saluti en sia klaso nur malmulte da gepatroj ĉe tiu okazo. La instruisto permesas ordinare al gepatroj la ĉeeston dum la lecionoj post koncerna deziro ankaŭ ekster la fiksitaj tagoj.

Krome ĉiu instruisto rajtas kunvoki la gepatraron de sia klaso al aparta klasa gepatrarkunveno, por priparoli urĝajn pedagogiajn aŭ lernejajn demandojn kun ili, kaj tiel firmigi la ligilon inter lernejo kaj gepatraro.

*mi, ke la montoj ĉe la fontoj de la rivero Misuri en Montana, kiujn mi en tiu momento rigardis por la unua fojo, estis faritaj de dio. Li simple eksaltis, kiam mi diris "Sinjoro, vi devas esti tre nescia, se vi kredas tion".*

Malakceptu la religian instruon en lernejo, sed postulu moralinstruon por via infano. *Tolstoj* skribas en sia verko "*Kaj la lumo brilas en la malhelecon*": *Religia instruo estas la plej granda krimo kontraŭ infano, kian oni povas pensi. La registaroj kaj la gvidantaj klasoj bezonas ĉi mensogon; ĝi subtenas ilian potencon kaj pro tio la regantaj klasoj daŭre postulos, ke ĝi estu enplantata ĉe infanoj*"[1]). For la religio! Pripensu, ke religie edukitaj infanoj fariĝas timemuloj kaj hipokrituloj, sed ni bezonas kuraĝajn batalantojn. Se vi deziras ke via infano lernu la religiajn dogmojn, versojn, tiam vi nenecese ŝarĝas la subtilan cerbon de via infaneto kaj vi similas al mezepoka torturisto. Ne donu la biblion en la manojn de infanoj; ĝi enhavas multe da malmoralaj rakontoj, pro kio la biblio devus esti malpermesita, sed en kapitalistaj landoj oni nur konfiskas socialistan, komunistan, anarkistan, eĉ pacifistan literaturojn.

Ne diru parolesprimojn, kiel "*Dank' al Dio*", "*Ho Dio*" ktp., ĉar infanetoj rapide lernas la aŭditon; ankaŭ ne blasfemu, ĉar povus diri al vi kredanto: "*Kial vi blasfemas dion, se vi ne kredas al ĝi?*" Mi scias, ke por homo en infanaĝo religie edukita, kiu pli poste liberiĝis el la ĉenoj de la eklezio, estas malfacile forigi la kutimajn parolesprimojn.

Solenu la religiajn festtagojn laŭ via pensmaniero. Ekzemple *la kristnaskon festu, kiel vintran solsticon.* En Germanio estas kutimo en religiaj familioj ornami abion aŭ pinon kun oraj kaj arĝentaj fadenoj, sur la branĉoj estas metataj kandeloj kaj oni pendigas anĝelojn kaj manĝeblaĵojn je la branĉoj. Oni donacas reciproke kaj kantas religiajn kantojn. Se vi ne volas rezigni je la malnova kutimo, tiam ne pendigu religiaĵojn je la branĉoj kaj ŝe vi volas kanti la samajn melodiojn, kantu ilin kun alia teksto. Rakontu al via infano, se la kandeloj brilas, el pasintaj epokoj, pri homoj kiuj jam pli frue celis alporti lumon en la malhela homaro. Se vi donacas ion, ne donacu al via knabo stansoldatojn, pafilojn kaj similaĵojn, vi tamen ne volas eduki hommortiganton. Kiu aĉetas tiajn aĵojn por siaj infanoj ankaŭ povus donaci pendigilon kaj malgrandan tombejon kiel ludaĵojn. Sed kial la laboristo ne donacas je la tago de unua de majo? Por ni estu la festo de la unua de majo tio, kio estas kristnasko por kredanto. Laŭ mi, konsekvenca ateisto ne imitu kristajn kutimojn. Se ni volas krei alian mondordon, ni devas rompi kun la ĝisnunaj kutimoj. En mia familio oni ne vidas dum la kristnaskaj tagoj abion aŭ pinon.

Aliĝu viaj infanoj en la infangrupoj de la laboristaj organizoj kiel liberpensulaj, gimnastikulaj, naturamikaj ktp. Tie ili estas inter samcelanoj.

Se via knabo aŭ knabino eksiĝas el la lernejo, tiam ili ne partoprenu ĉe la konfirmacio, sed ĉeestu ĉe la solenoj, kiujn aranĝas la liberpensuloj aŭ laboristaj partioj.

Se vi edukas vian infanon religie, vi venas en dilemon pro la naturo kaj la nuna mondordo. Jen beleta rakonto de *Multatuli*: *Patro promenas kun sia fileto en arbaro. La patro diras al sia infaneto: Vidu la naturon! Ĉie estas paco. La birdoj nutriĝas per insektoj kaj vermoj, kiujn donas al ili la*

---

1) Estas interese noti, ke, dum kongreso de l' Internacio de l' Eduklaboristoj en Vieno (aŭg. 1926), la policanoj ricevis ordonon ŝiri afiŝon kun la citita frazo de Tolstoj. Estis ankaŭ ŝiratal alia afiŝo en la kongresejo kun la fama frazo de Marx: "Religio estas opio por la popoloj." — *Red.*

# AL SENNACIECA EDUKADO

SAT-ano 518.

Ĉu povas ekzisti sennacieca infanedukado? Kiel SAT-ano, kiu penas sennaciece sin eduki, povas sennaciece eduki siajn infanojn? Por la unua fojo estas traktata tiu ĉi temo, ĉar ni, SAT-anoj, estas ĝis nun la solaj konsciaj sennaciuloj kaj estas la tasko de la nun formiĝanta SAT-edukista sekcio elĉerpi la edukprincipojn el sennaciismo kaj ellabori ties pedagogiajn konsekvencojn.

Fundamento por sennacieca edukado ekzistas, de la tago kiam en SAT enkorpiĝis sennaciisma doktrino. Antaŭ ĉio, sennaciismo estas eduka doktrino, kiu celas prepari "la plej kapablajn kaj plej perfektajn el la t. n. internaciistoj" per konsidero de proletaria kulturo kaj klasbatalo sur tutmonda skalo, ekster ĉiaj naciaj kadroj. La klarecon, kiun alportas al maturaĝaj SAT-anoj sennaciismo, ĝi ankaŭ povas alporti, eĉ pli firme, al iliaj idoj. Sennaciismo, formiĝanta doktrino komprenata de ankoraŭ ne multaj K-doj, estas fariĝonta la fundamenta socia idealo kaj la daŭra spiritostato de proleta avangardo, kies "sent-, pens- kaj agad-kapablo" ampleksas tutmondon.

Sennaciismo povas esti afero nur laborista: la plej alta ŝtupo de liberiĝinta Proletaro, sukcesinta rompi la nacie bazitan spiritostaton kaj atinginta konsideron al tutmondo kiel baza agadkampo.

Burĝoj aludas pri "enkonduko de internacia ideo en lernejon" (Kongreso de Moralo, Ĝenevo, 1922) kaj admonas: "Oni amu sian patrolandon kaj tuthomaron." Proletoj ankoraŭ diskutas pri racia homara aŭ klasbatala edukado (Kongresoj de Eduk-Intern), ne solvinte la ĉefan demandon pri forigo de la nacia bazo de l' edukado. Ilia konkludo restas jena: "Proleta klaso de unu nacio fratas proletan klason de ĉiuj aliaj." Sed nek tia burĝa, nek tia proleta internaciaj edukadoj povas efektiviĝi, se oni ne forigas la ĉefan malhelpon: la landolimon, la nacian apartaĵon.

Pravas la klasbatalantoj, malkovrante la pacifisman mensogon: "Estas neeble, ami sian burĝan patrolandon kaj duklasan tuthomaron. Patrolando kaj tuthomaro estas malamikoj. Naciaj kapitalismoj naskas mondmilitojn!"

Sed ankaŭ pravas la Sennaciuloj, malkovrante la ne sufiĉe klaran signifon de l' internaciismo laboristara: "Proletoj, devigataj klasbatali en naciaj kadroj, ne povas konservi nacian apartaĵon kaj resti laŭnacie dividitaj. Proletaj patrolandoj ne povas ekzisti. Povas ekzisti nur unu tutmonda patrolando de laboristoj." Tiel, Sennaciismo reviziigas kaj pliklarigas la ideojn kaj celojn de la klasbatala internaciismo (en nuna formo, nura stadio al Sennaciismo) kaj la principojn de klasedukado de la proletaraj infanoj.

SAT per sia strukturo kaj funkciado prezentas la du ĉefajn karakterizojn de sennacieca edukado: sennaciecan mondolingvon kaj sennaciecan mondogeografion:

---

ĉiopova dio. Kaj ili kantas kantojn por danki dion. La knabo demandas: "Patro, ĉu la vermoj ankaŭ kantas?"

Mi scias, ke en multaj landoj la laboristoj ne povas efektivigi la supre diriton pro la faŝisma teroro kaj la kontraŭstarantaj leĝoj. Malgraŭ tio, vi devas fari, kio estas ebla. Ni scias, ke socialista mondo devas veni. Iam estis la feŭdalismo kaj sekvis la kapitalismo kaj ni scias, ke la kapitalismo estos forigata de la socialisma mondo. Por tio zorgas la grandegaj progresoj de scienco kaj tekniko. Sed ni ne volas atendi ĝis la dezirita stato alvenos. Pro tio estas devo, ke ni eduku niajn infanojn socialiste, ateiste. Tiamaniere ni plirapidigas la efektivigon de la socialisma ideo.

## 1. Sennacieca lingvo

Lingvo regas la mensojn; ĝi estas la komunikilo de l' ideoj. La naciajn lingvojn regis en ĉiu lando la ekononomie superanta klaso; la naciaj literaturoj ĉiuepokaj respeguligas la ideologion de la reganta klaso kaj estas venenaj fontoj, kontraŭ kies infekto nuntempaj proletoj provas imunigi sin. Nacia lingvo ĉefe karakterizas naciojn, ĝi formas naciajn spiritojn. Sennacieca lingvo nepre kondukas al sennaciisma ideologio. En buŝoj de SAT-anoj, esperanto estas ankoraŭ nun por ili nur helplingvo, sed nepre celas fariĝi ĉeflingvo. Malaperu supereco de nacilingvoj; ili disfalu, kiel provincaj dialektoj, same kiel disfalu nacioj kaj ĉiuj naciaj apartaĵoj. Sennacieca lingvo enhavas la ideon de universala ĉeflingvo, kiu iam superregos ĉiujn nacilingvojn. Burĝaj esperantistoj pro naciema patriotismo malkonfesas la ideon de universala lingvo; esperantistaj sennaciuloj akceptas ĝin, kvankam ili pozitive konscias pri la tuja praktika laboro kaj pri la ankoraŭ longa klasbatalado necesa por ĝin atingi.

La SAT-ano, kiu kuraĝas paroli nur en esperanto en sia hejmo, kiu instruas nur esperanton al siaj infanoj, kiel gepatran lingvon, faras la unuan paŝon al sennacieca edukado. Tiu patro lokas sian idon de la komenco en sennaciecan mondon. La nacian lingvon la infano lernos en lernejo. La infano pritraktos ĝin, kiel la unuan fremdan lingvon kaj uzos ĝin korekte, pli korekte ol la knaboj, kiuj lernas vere dialektan nacilingvon sur la stratoj kaj en la hejmo. SAT-anoj, ne timu nesukceson de l' infana studo en lernejo. Oni rimarkis, ke la lernejo tre forte disvolvigas la mens-kapablojn de l' infanoj instruataj per ne gepatra lingvo, ĉar ili pli atentas, pli penas imiti la modelan lingvaĵon de l' instruisto kaj ne suferas la lingvan misinfluon oftan de la hejmo. Aliflanke, observu la personojn, kies gepatra lingvo estas dialekto; ili ĉiuj uzas puran lingvaĵon, kiam ili parolas la oficialan nacilingvon.

SAT-anido hejme parolanta nur esperanton, interesiĝas pri la monda vivo de siaj gepatroj, legas la ricevitan korespondaĵon, trafoliumas la jarlibron, serĉas konstante sur la atlaslibron (maparo), parolas kun la alisektoraj SAT-anoj, kiuj vizitas la patron, tute ne sentante la naciecan barilon. Kiu vidis la du geknabojn de Gek-doj Vogt en Leipzig, tiu povas nur entuziasmi pri l' eksperimento.

## 2. Sennacieca geografio

Politika laŭnacia geografio estas ankaŭ helpilo por nacieca edukado. Lernolibroj ĉefe kaj unuarange prezentas la nacian apartenaĵon (memlandon kaj koloniojn!). Sur la landkartoj, koloroj distingas la naciojn, montras la eksterlandojn, la malamikojn. Karakterizilo estas landolimoj. Mondogeografio bazita sur sektorsistemo de SAT estas grava novajo. Ĝi forigas, per scienca divido de tutmondo laŭ meridianoj, la geografian artefaritecon, kiu kaŭzis sennombrajn krimojn en historio. Ĝi ne nur forigas el la geografia instruado la nacian apartaĵon kaj tiel tute sendanĝerigas tiun studobranĉon — sed ĝi ankaŭ devigas ŝanĝi la instruan metodon. Sennaciulo devas koni tutmondon kaj la geografiaj gravaĵoj el malproksimo pli utilas al li kaj pli interesas lin ol la bagatelaj scioj pri apuda distrikto.

La juna SAT-anido, kiu havas amiketojn en plej malproksimaj sektoroj sentas sin pli proksima al Ĉita, Kanton, Göteborg, Nov-Jorko... ol al la vilaĝeto distanca je 20 km. de sia loĝurbo. Li scivolas la mondon tiel diversecan kaj allogan, li estas vojaĝema, observema, elturniĝema. Li sufokiĝus en la nacia kadro.

## 3. Sennacieca historio

Sennaciismo ankaŭ grave precizigas la tendencojn de l' avangardaj edukistoj en la historia fako. Ideon pri "supernacia historio" plej unue ekhavis SAT-edukistoj. Ĝi nun disvastiĝas sub diversaj formoj. La t. n. projekto de "Novaj Tempoj" estas parte efektivigata. Avangardaj edukistoj, konsciantaj

# RAKONTO AL SAT-ANIDOJ

## Kiel aritmetiko revoluciigis la junulon

de GR. FIĤIJ

Vi demandas, infanoj, kiamaniere mi fariĝis revoluciulo? Vi deziras ekscii: kiam unuafoje mi ekvolis detrui la malnovan reĝimon kaj konstrui sur ĝiaj ruinaĵoj la novan vivon? Verŝajne vi atendas ekaŭdi pri tiu homo aŭ pri tiu libro, kiu montris al ni malllumajn flankojn de socia vivo kaj antaŭenpuŝis min al la nova vojo. Vi treege ekmiros, ekaŭdinte, ke nunaj revoluciaj sentoj vekiĝis en mi dank' al aritmetika problemo. Vi miras, vi deziras demandi min:

— Ĉu dank' al aritmetika problemo? Ĉu ne interesa aritmetiko povas jeti en korojn de homoj tiun fajreron, kiu estigas revolucian flamon kaj ekbruligas ne nur la estaĵon de unu homo, sed tiujn de la aliaj.

La fakto estas la fakto. Kaj vi tion bone komprenos, se vi aŭskultos min kun atento.

Miaj infanjaroj pasis en la granda urbo. Mia patro estis laboristo en granda meblo-metiejo, kies nomo estis tiutempe "fabriko". Krom mi en nia familio estis ankoraŭ kvin geknaboj. Kaj ĉe ni loĝis la maljuna avino, la patrino de mia patro. Sekve tiu rublo, kiun la patro ricevadis por labortago, estis ne sufiĉa eĉ por tre mizera vivo. La patrino komencis labori ĉe tajlorino, sed ni, infanoj, estis multaj; ŝi devis lasi la laboron. Mi vizitadis elementan lernejon kaj finis ĝin estante dek-unujara knabo. Ĝuste en la lasta klaso mi studis "procentojn". Nia juna instruisto, kiun ni ĉiuj tre amis, bone klarigis al ni "procentojn" solvinte en la klaso multe da problemoj tiutemaj. Fine li diris: — Por morgaŭ vi havos jenan taskon: Ĉiu el vi mem kombinu

---

pri la grandega laboro farenda, malhelpota de multspecaj baroj — ĉiuj, starantaj sur la naciaj apartaĵoj — ŝajnas nun forlasi la plej gravan parton de la programo kaj sin turni al rebonigo de la nacihistoria instruado. Sed ni daŭras opinii, ke necesas modelaj historilibroj uzeblaj de ĉiulandaj edukistoj kaj lernantoj — ĉar de l' eltrovo de fajro ĝis tiu de radio, civiliza historio ampleksas tutmondan kaj ne havas naciecan karakterizon. Estu al la sennaciulo egale konataj kaj amataj la nomoj de Pasteur kaj Koch (medicino), de Popov, Marconi kaj Hertz (radio) . . .

### 4. Sennacieca moraro

Sennaciismo ne nur plifortigas la ĝeneralajn sentojn de la proleta moralo (laborista solidareco, respekto al laboro, batalo kontraŭ ekspluato), ĝi ankaŭ unuecigas la kutimojn. Naciecajn morojn Sennaciismo ignoras. Krom la kutimoj trudataj de klimato, de laboroj, de apartaj vivkondiĉoj, Sennaciismo instruas radikale forlasi nepravigeblajn kutimaron kaj moraron kaj kuraĝe alpreni vivmanieron konforman al scienco, komforto, sano, proleta moralo. Ĝi penetras la individuan vivon.

Mi citu ekzemplon. En mezvarmaj regionoj, konsekvenca sennaciulo en sana stato ne portas ordinare ĉapelon, forigis el sia kostumo la rigidan kolumon (hundo-kolringon) malhelpanta liberan spiradon kaj movon. Lia brusto deziregas senperan kontakton al aero. Kiam estas eble, tia sennaciulo emas al naturismo kaj nudismo. Aliflanke, li ne fumas tabakon, ne trinkas alkoholaĵon, preferas vegetaran dieton . . . ktp. . . . SAT-anido sennaciece edukita sin sentas "hejme" en iu ajn sektoro. Ĝenon pro kutimoj, moroj li ne konas. Ne premata de nacieco, li disvolvas sagace laŭscience sian memecon. Tiel Sennaciismo fariĝas plej trafa kaj kompleta formo de l' edukado.

problemon pri procentoj. Sed vi ne imitu tiujn problemojn, kiuj estas en via lernolibro. Elpensu plibone ion el via familia vivo aŭ el laboro de viaj gepatroj. —

En tiu tago mi revenis hejmen kun la vizaĝo zorgoplena. Kiel mi kombinu la problemon? Certe mi sciis, kion faras mia patro en la metiejo; mi vizitis ĝin kelkfoje, ofte pri ĝi mi parolis kun la patro, sed niaj interparoloj neniam en havis ciferojn kaj nombrojn. La sola nombro, kiun mi sciis estis unu rublo, la patra tagsalajro.

Neniam mi atendis la patron pli malpacience ol en tiu vespero. Dum lasta monato li revenadis hejmen pli malfrue je du horoj: li havis ian ekstran laboron.

Nur je la naŭa horo vespere mi ekaŭdis pezan paŝbruon de l' patro sur la ŝtuparo. Kiam li eniris la ĉambron, li senparole sidiĝis sur seĝo, ne demetinte eĉ sian palton. Nigraj makuloj sur la vizaĝo kaj peza spirado atestis pri grandega laciĝo.

— Finfine ni faris jam ĉion — li diris al la patrino — ho kiel ni laciĝis dum tiu-ĉi monato.

— Kaj kion vi faris, paĉjo — subite mi partoprenis la interparoladon, celante eluzi la patran rakonton por verki la problemon.

— Ni produktis meblon por nova hotelo... Ni devis urĝe plenumi la mendon, ĉar nia mastro subskribis kontrakton kun la hotelposedanto. En la lasta monato ni laboris dum 2 supernormaj (kromaj) horoj.

— Rakontu tion, paĉjo, pli detale al mi — alproksimiĝis mi al la patro. — La instruisto ordonis verki la problemon el vivo de gepatroj, kaj mi ne povas...

— Ĉu eblas kombini la problemon el tiuspeca materialo? — ekmiris la patro. — La afero estis tre simpla. La hotelmastro mendis la meblon. La laboristoj plenumis. Morgaŭ nia mastro ricevas la monon. Jen ĉio...

— Kiom kostas la meblo? — mi demandis. — Vi tion ne scias?

— Ne, hazarde ni scias... Kvankam nia mastro laŭkutime kaŝas tion, tamen ni informiĝis: la skribisto senintence diris. —

— Diru do, patro... ekĝojis mi, rapide kaptis krajonon kaj paperon por enskribi la nombrojn.

— Jen kio..., komencis rememori la patro. Por la meblo la mastro ricevos 10 000 rublojn; la materialo kostas ĉirkaŭ 4000 rublojn. La laboristoj ricevas diversan salajron. Mi opinias, ke taga mezsalajro en tiu-ĉi monato egalas al 1.50 rubloj. En la metiejo estas 36 laboristoj, kaj ni laboris 50 tagojn. Vi estas instruita, vi povas elkalkuli: kio rezultos? —

Enskribinte la nombrojn mi komencis kalkuli: Mi havis jenajn ciferojn: la materialo: 4000 rub.; laborista salajro: 2700 rub.; la mastra profito: 3300 rubloj.

— Patro! — mi diras mirigite. — Ĉu vi scias rezulton? —

— Ne. —

— La mastro ricevas pli multe ol vi ĉiuj kune! Laboristoj havas 27 % de l' tuta sumo, kaj la mastro — 33 %.

— Ĉu tion vi ne sciis? — ĉagrene la patro ekridetis. — Vi povas ankoraŭ aldoni: kiam ni sangflue ŝvitis en la metiejo, li ĝuis bonan veteron kaj promenis en aŭtomobilo.

— Kial do, kial? — demandis mi, forgesinte mian problemon.

— Tial, ke li estas fabrikposedanto, kaj ni... laboristoj: li havas domon, havas laborilojn, maŝinojn, li havas monon aĉeti materialon... kaj ni, kion ni havas? La manojn kaj vin, infanojn, la grandan amason. Pro tio ni devas vendi niajn manojn kaj ricevi tion, kion oni donas. —

— Kaj se laboristoj, patro, kolektive aĉetos laborilojn, ili ja povas labori

sen majstro? Tiam, ĉion kion fabrikposedanto ricevas, ekhavos la laboristoj!

— Per kies mono ili aĉetos? Mizerulo plus mizerulo egalas nur al nulo — malĝoje li ekridetis.

— Sed ĉirkaŭ 50 laboristoj estas en la metiejo, kaj la fabrikposedanto estas unu... kial do vi malagas? Forprenu lian posedaĵon kaj mem laboru sen li.

— Vin gardu, fileto, de tiu-ĉi-projekto — ekscitiĝis la patro kaj senkaŭze rigardis ĉiudirekten. — Vi ne scias, kiel oni nomas t i o n kaj kion t i o kaŭzas... En nia metiejo laboris studento, kiel lignaĵisto. Ofte li parolis pri okazonta ŝanĝo de l' politika reĝimo, pri tio, ke revolucio venos kaj kamparanoj forprenos teron de bienuloj, kaj laboristoj fabrikojn de ĝiaj posedantoj. Li estis tre bona junulo... Sed li laboris ne longe, ĝendarmoj kaptis lin kaj ekzilis en malproksiman regionon. Oni diris, ke li estis fama revoluciulo. Vin gardu, filo... Ekaŭdos malbonaj homoj viajn parolojn, kaj tuj diros: filo de Borodavka estas revoluciulo, do lia patro ankaŭ estas la sama. —

En tiu vespero longe mi ne povis ekdormi. Nokte mi vidis la strangan sonĝon. Dika homo sidas en la metiejo (laŭ priskriboj de l' patro mi sciis, ke ilia mastro estas dikventra), kaj al li venas laboristoj kune kun siaj edzinoj kaj infanoj. Inter ili mi vidis nian tutan familion. Kaj la dikulo disdonas jen unu kopekon, jen du... Al mi li donis kvinkopekan moneron.

En la sekvanta tago, kiam laŭvice mi devis legi en la klaso, mi tralegis jenan problemon:

— Oni pagis al meblofabriko 10 000 rub. por la mendita meblo. La materialo kostas 4000 rub., laboristoj ricevis 2700 rub. kiel salajron. La resto estis lasita por la mastro. Oni demandas, je kiom da procentoj la profito de l' mastro superas la salajron de ĉiuj laboristoj? —

Respondo: La mastro ricevas 33 %, kaj ĉiuj laboristoj 27 %; sekve la mastro ricevas je 6 % pli multe ol ĉiuj laboristoj.

— Ĝuste! — diris la instruisto kaj plu nenion li aldonis. Mi sidis sur unua benko kaj vidis, ke fajretoj ekbrilis en la okuloj de l' instruisto. Ŝajnis, ke li deziris eldiri ion. Sed en la klaso li diris nenion. Nur post fino de lecionoj, li sin turnis al mi.

— Paŭlo, restu por unu minuto. —

Mi restis. Li invitis min en sian ĉambron kaj diris: — Vi estas, Paŭlo, saĝa junulo, kaj via problemo estas bona. Ĉu vi parolis kun via patro pri tiuj nombroj? —

Mi rakontis al li mian interparolon kun la patro. La instruisto mediteme kaj atente min aŭskultis.

— Ĝuste! — arde li diris — ni vivas en tia socio, kie kelkaj homoj posedas monon, teron, maŝinojn, unuvorte: la k a p i t a l o n. Ili (tiuj homoj) estas kapitalistoj aŭ burĝoj. Kaj ekzistas laboristoj kaj proletoj. Kapitalisto neniam pagas al laboristo tion, kion plene valoras ties laboro; ĉiam li pagas malpli. Kiam laboristo laboras 10 horojn, li ricevas tiom, kiom valoras lia laboro dum 4—5 horoj. La reston kapitalisto enpoŝigas. Tiu-ĉi aroga uzo por si de la fruktoj de proleta laboro estas nomata ekspluato. Kaj tiu-ĉi ekspluato kaŭzas plej grandan malbonon al vivo laborista. Malgraŭ la mizero kaj sufero la proletoj el ĉiuj landoj unuiĝas, celante detruon de burĝa reĝimo kaj konstruon de alia socia ordo, sen ekspluato. Sendube burĝaro propravole tion ne permesos. Nur la revolucio povas ŝanĝi la malnovan ordon. Legu pli multe, Paŭlo, atente observu la vivon, kiu vin ĉirkaŭas. Kaj tiam vi partoprenos la grandan batalon de laboro kontraŭ kapitalo. Estu kuraĝa, sed vin gardu... Se via instruisto estus alia homo (ne mi!); certe li vin punus pro tiu problemo, kiun vi kombinis por la hodiaŭa tasko.

kiu ellaboriĝas la Novo“. Sed ĉu la nova generacio de klasbatalontoj, kiu ne povas formiĝi en la burĝa lernejo, povos esti bone preparata en la gelaborista hejmo, se la gepatroj malzorgas aŭ fuŝas, eĉ nekonscie, la klasedukadon de siaj infanoj?

En nuna kajero, ni tuŝetis, sed nur apenaŭ, la ĉefdemandojn de la hejma kaj lerneja edukado. Sur kelkaj paĝoj stariĝas la problemo pri proleteca klaskonsciiga (aŭ nur racia homara) edukado, problemo diskutata en Eduk-Intern kaj ankoraŭ ne plene solvita. Pere de l' eduka serio de “S. R.“, la SAT-anoj povos partopreni la debatojn.

Ni ankaŭ paroletis pri sennacieca edukado, bedaŭre en tro mallonga kaj tro nekompleta skizo. Sennacieca edukado ne estas ia fantazio de SAT-anoj; ĝi estas nepre atingota fazo ĝis nun ankoraŭ ne studita de la proletedukado. La SAT-anoj, kies patrolando estas vere nur tutmondo, devos starigi la principojn, karakterizojn, metodojn kaj procedojn de la sennacieca edukado, kiu rompos la ankoraŭ fortikajn fadenojn, ligantaj la proletan internaciismon al naciismoj.

SAT-anoj, la parolvico estas por vi! Esprimu viajn opiniojn. Ni kunordigos la ricevitan materialon por alia kajero dediĉata tute al vi.

Kaj nun apartan peton ni direktas al sovetiaj SAT-anoj. Nia septembra kajero estos dediĉata al porinfana proleteca literaturo. Okcidentaj eduklaboristoj sopiras al tia materialo tute ne ekzistanta en siaj burĝaj landoj. SAT-edukistoj, helpu; trafe elektu el viaj legolibroj lerte klaskonsciigajn belrakontojn por niaj SAT-anidoj! Nia redakcio atendos ilin ĝis unua de aŭgusto.

**Redakcia Komitato.**

---

Post kelkaj semajnoj oni forprenis de ni nian amatan instruiston. La pedelo rakontis al ni, ke nokte venis armitaj homoj en uniformoj, kaj ili forkondukis la arestitan instruiston en malliberejon. Poste ni eksciis, ke li estis ekzilita en Siberion. Tie baldaŭ li mortis pro ftizo.

Kaj la procentojn mia kapo ne povis forgesi. La granda socia maljusto profunde vundis mian koron. Ju pli aĝa mi iĝis, des pli multe mi atentis la socian vivon, kaj despli arde mi legis librojn, kiuj vokis al la feliĉa socio de l' estonto. Kiam mi estis dekses-jarulo, mi aliĝis al konspira revolucia grupo. Post 2 jaroj mi estis malliberigita, kaj ankoraŭ post du jaroj oni ekzilis min en malproksiman regionon de Siberio. Sed nek ekzilo, nek carismaj torturoj subpremis niajn revoluciajn sentojn. La standardo de l' revolucio venke ruĝis. Ni plenumis tion, kion eĉ pripensi timis niaj gepatroj. Dume la Revolucio venkis nur en unu lando de l' terglobo. Sed vi, geknaboj, finos la laboron, kiun ni komencis, kaj vi konstruos la novan vivon.

El ukrainlingva legolibro “Vivo kaj Parolo“ parto II-a.
Tradukis: Vs. Ivanov (Odessa).

# Internacia klopodo por Kino lerneja

## SAT-edukistoj, helpu!

La enkonduko, sur internacia skalo, de Kino en Lernejon estas tre malhelpata de la diverseco de la kinaparatoj kaj de la filmoj. Antaŭ ĉio, necesas atenti la materialon de la perkina instruado.

Kiel povus helpi la SAT-edukistoj per sia internacia agado por disvastigi uzadon de Kino en Lernejo? Nia rolo povas esti resumata jene:

1. **Metodoj:** Ni montru la pedagogian profiton, kiun oni povas eltiri el la uzado de Kino en Lernejo — kaj precizigi la metodojn, kiuj ebligas la maksimumon de pedagogia efiko.

2. **Materialo:** Celante utilon por ĉiulandaj edukistaj K-doj, ni kolektu precizajn informojn pri la kinaparatoj nun uzataj en diversaj landoj. Tiuj informoj kondukos la edukistojn al la plej bonaj lernejaparatoj kaj helpos devigi la firmestrojn fabriki la plej taŭgan kino-materialon por la instruado.

3. **Filmoj:** Plej trafe estus, se ni sukcesus internaciigi la interŝanĝo-servon de la plej bonaj instrufilmoj. Mi ne kredas, ke tio estas malebla. Ni povas: a) starigi liston de la instrufilmoj rekomendindaj, uzataj en ĉiu el niaj landoj; b) organizi la interŝanĝon de tiaj filmoj inter diverslandaj lernejoj (ni tiel laborus internacie sur lerneja skalo, kiel laboras la potencaj kino-firmoj sur komerca skalo); c) antaŭvidi kaj prepari la eldonon de bonaj filmetoj ne tro kostaj kun esperanto-lingvaj tekstoj.

Mi ja scias, ke tiu ĵus skizita plano estas monstre vasta. Ĝin ni efektivigos ne baldaŭ. Sed povas helpi ĉiu, por ke ni decideme iru la difinitan vojon.

Ĉiuj K-doj interesataj pri lerneja kino donu pri la tripunkta demando (metodoj, aparatoj, filmoj) ĉiujn informojn kaj spertojn, kiujn ili havas. Pri aparatoj kaj filmoj konigu ĉiujn utilajn precizigojn: prezo, adreso de la firmo, ĉefaj karakterizoj, prospektoj, ktp. . . .

Ni kompilos la ricevitajn respondojn kaj prezentos sur "S. R." la unuan informan materialon pri la grava edukista afero de l' Internacia Lerneja Kino.

Sendu la respondojn al: K-do **C. Freinet,** instruisto, **Bar-sur-Loup** (Alpes-Maritimes), Francio.



Preselo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)